PENSEO

N-ro 113

Mar./2001

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 www.crosswinds.net/~zfmao/penseo

## ===Mikronoveloj===

### Riĉaĵo el la Ĉielo

Bei Yuan

Senĉesa pluveto ĝentile falis el la ĉielo.

Kun ombrelo en la mano, mi paŝis sur kvieta strateto, kiam mi vidis knabineton stari en pluvo ĉe la vojrando.

"Tuj eniru sub mian ombrelon!" mi alvokis al ŝi, eklevinte la ombrelon.

La knabineto rapide alkuris sub mian ombrelon. Ŝi ŝajnis dek-du-jara, kun pufeta vizaĝo. Unu el ŝiaj okuloj ŝajnis pli granda ol la alia, kaj ili estis tre belaj. Ŝi prenis min per sia maneto kaj malrapide antaŭeniris kun mi ŝultron ĉe ŝultro.

"Ĉu vi iras antaŭen en via direkto?" mi demandis ŝin.

"Nu, mi estas indiferenta al kia direkto," ŝi respondis senpripense.

"Do, kion vi iras fari?"

"Por trovi iun. Ne, ne. Mi jam trovis lin." Ŝia voĉo estis miksita kun ĝojo kaj komforto.

"Kie li estas?"

"Li estas nenie. Li estas neniu alia ol vi," ŝi diris al mi, kun levita kapo.

Se ŝia aĝo estus dek jarojn pli ol ŝi estas, mi povus senti pli rapidan korbatadon. Sed nun mi aspektis aplombe.

"Por trov min?" mi ekridis.

"Mi gajnis riĉaĵon, sed mi ne volas ĝin teni. Mi volas donaci la monon al tiu, kiu kovras min per ombrelo en pluva tago."

"Ŝajnas, ke mi estas tiu homo, ĉu ne?" mi sonde demandis.

"Jes, tial mi volas donaci la riĉaĵon al vi." Ŝi enpoŝigis sian manon.

Mi sentis ne surprizan ĝojon, sed intereson. Kaj mi demandis, "Ĉu estas vere, ke ĝi venis el la ĉielo? Kiom vi donos al mi? Kelkajn monerojn?"

"Ne, cent mil dolarojn."

"Cent mil dolarojn? Ĉu vi kunportas ĝin kun vi?"

"Jes, mi kunportas."

Mi nereteneble ŝovis mian manon en la poŝon kvazaŭ trovante revolveron por protekti la riĉaĵon. La knabino senheziteme elpoŝigis koloran monbileton kaj ŝovis ĝin en mian manon. Mi neniam vidis tian monbileton kun tiel granda sumo --- cent mil dolaroj. Mi pligrandigis miajn okulojn. Alas! Kia monbileto! Ĝi nur estis peco da kartono, sur kiu pentriĝis diversaj farboj kaj skribiĝis 100,000. Fakte, ĝi estis monbileto farita de la knabino mem.

Mi eksplodis per rido, "Haha, ĝi vere estas la riĉaĵo el la ĉielo!"

"Kio nomiĝas 'riĉaĵo el la ĉielo'?"

"Ĝi ne estas vera mono, sed riĉaĵo. Dankon. Mi ĝin akceptas." Mi enpoŝigis la 'grandan' monbileton.

"Vi malesperiĝas, ĉu ne? --- Sed vi ne malesperigas min." Aŭdiĝis la klara voĉo de la knabino.

"Kial?"




"Mi iam legis novelon: iu knabino gajnis monsumon. Ŝi volis ĝin doni al tiu, kiu volonte kovros ŝin sub la sama ombrelo. La sekvantan tagon, ŝi iris serĉi."

"Ĉu ŝi trovis tiun?"

"Ne pluvis tiun tagon."

"Kaj poste?"

"Poste pluvis, sed neniu ŝin priatentis. Ŝi staris la tutan tagon sub la ŝirmo de arbo. Kaj ŝi, plorante,

ŝovis la monon en la truon de la arbo.”

“Kiel mizera!”

“Sed mi ne kredis tion. Mi ne konsideris tion tiel malbona. Mi mem volis sperti tion.”

“Do, vi spertis, ĉu?” mi demandis.

“Jes, kaj plue mi ne malesperiĝis.”

Mi ĵetis rigardon al ŝi. Tiam ŝi pligrandigis siajn okulojn soifantajn kaj kortuŝigajn. Mi ekhavis la deziron, ke la geknaboj de la sekvanta centjaro posedu tiajn okulojn.

Ankoraŭ pluvis. Freŝa aero alblovis tra pluvaj strioj.

“Ĉu vi ne pensis, ke vi eble malesperiĝos?” mi demandis.

“Mi pensis, sed mi ne perdis esperon ĝis nun.”

Ŝi pli firme brakumis mian brakon per sia mano. Mi eksentis, ke ĉio fariĝas tiel trezora, kvazaŭ pluvaj strioj senbrue saturus mian koron, tiel ke sennoma sento etendiĝus, kiel se solviĝante aŭ koaguliĝante.

“La nura bedaŭro estas, ke mi ne havas riĉaĵon,” diris la knabino.

“Male. Ni ambaŭ havigas al ni riĉaĵon.”

“Mi komprenas, ke vi aludas ne al mono, sed al riĉaĵo. Ĉu mi pravas?”

“Jes, tre prave.”

Pluvo malsekigis ĉion. La mondo sin montris brila pro pluveroj.

Mi akompanis la knabinon ĝis aŭtobusa haltejo kaj ŝi enaŭtiĝis. Kun pluvakva brileco, la aŭtobuso malaperis ĉe la ekstremo de la strato.

Ĝustiginte la ombrelon, mi plu antaŭeniris. Pluvstrioj ŝutiĝis sur la kronon de mia ombrelo, kun portante senliman varmecon.

**Elĉinigis Hongjia**

** ** ** **

## Blindulo

**Liu Ping**



Dum kelkaj jaroj liaj okuloj perturbiĝis.

Komence li havis malklaran vidon kaj poste lia vidkapablo fariĝis pli kaj pli malfortiĝis ĝis blindeco.

Lia edzino akompanis lin al ĉiuj hospitaloj por kuracado, sed vane. Fama okulisto, kiu posedis klinikan sperton de 60 jaroj, diris, “Tiu malsano estas tre stranga! Ĝis nun ni jam trovis plurajn kazojn, kies pacientoj senescepte estas mastroj. Portempe ni ne havas efikan terapion por kuraci…”

De tiam, ĉiufoje kiam li eliris, lia edzino kondukis lin, tirante lin je brako. Iutage, kiam lia edzino, lin kondukante, trapasis vojkruciĝo, maljuna kompatinda almozulo etendis sian manon por peti ilin pri mono. Ĝuste kiam lia edzino donis monbileton de dudek dolaroj al tiu, liaj okuloj subite revidebliĝis kvazaŭ forte ekscititaj de magia forteco. La unua aĵo, kiun li ekvidis malklare, estis la monbileto en la mano de lia edzino.

Lia edzino tre ĝojis, vidante ke liaj okuloj revidebliĝas mirige.

Sed, post momento, la mondo antaŭ liaj okuloj malaperis iom post iom.

Vole nevole lia edzino povis faris nenion alian ol servi kiel lia vojkondukanto, kion ŝi senti ĝena.

Ekmemorante pri la sceno, ke liaj okuloj subite revidebliĝis tiutage, lia edzino ekhavis ideon: uzi monbileton kiel lian vojkondukanton! Ŝi ne sciis, ĉu tiu faro efikos. Malgraŭ ĉio, la magia incidento estis ekster ŝia atendo. Finfine ŝi decidis fari provon, ĉar ŝi ne povis konduki lin ĉiutage.

La edzino eligis monbileton de dek dolaroj kaj svingis antaŭ liaj okuloj. Vere tio efikis. Liaj okuloj eĉ revidebliĝis! Sed li diris, “Mi vidas ne tiom klare…” Ŝi eligis alian monbileton de kvindek dolaroj kaj svingis antaŭ liaj okuloj, kaj li diris, “Mi vidas pli klare ol antaŭe.”

El tio, ŝi eltiris leĝon: ju pli granda la monsumo de la monbileto, des pli bona la efiko. Do, ŝi elpoŝigis monbileton de cent dolaroj kaj svingis antaŭ liaj okuloj… Sed post momento, li triste diris, “Denove mi ne povas vidi.” Ŝi trovis tion stranga. Kaj poste ŝi fine malkovris la kaŭzon. Ĉar ĝi estis falsa monbileto, rezultis nenia efiko! Kiel stranga kaj magia okulparo! Kiam ŝi ŝanĝis la falsan per la vera, li povis vidi klare denove!

De tiam, ĉiufoje kiam ili eliris, li tenis monbileton de cent dolaroj en la mano. La monbileto servis lojale kiel lia vojkondukanto, el kio li gajnis klaran vidon.

Tamen, post kelkaj tagoj, io malfeliĉa okazis. Tiutage, kiam li iris surstrate kun monbileto de cent dolaroj en la mano, vento ekblovis kaj forportis la monbileton el lia mano. Li tuj postkuris por akiri ĝin, sed post kelkaj paŝoj li perdis sian vidkapablon. Ĝuste tiam li eĉ sin puŝis kontraŭ rapide alkuranta aŭto…

**elĉinigis Yang Guifang**

¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤¤

## EL 《*LAŬZI*》

### ĈAPITRO XVII

(Laŭzi kredas, ke la "senagado" estas la plej bona principo de regado kaj la plej bonaj rangantoj devas regi per "senagado", tiel ke la popolo apenaŭ sentas ilian ekziston. Li kontraŭstaras al la regantoj arbitre donantaj ordonojn. Li pensas, ke eĉ se iaj politikaj sukcesoj estas atingitaj, ili ne devas esti atribuitaj al la regantoj, sed devas esti rigardataj kiel spontaneaĵoj.)

La plej bonaj regantoj estas tiuj, pri kies ekzisto la popolo apenaŭ scias.
La meze bonaj estas tiuj, kiujn la popolo amas kaj laŭdas.
La malpli bonaj estas tiuj, kiujn la popolo timas.
La malplej bonaj estas tiuj, kiujn la popolo malrespektas.
Tiuj, kiuj ne meritas la fidon de la popolo,
Ne povas esti fidataj de ĝi.
Senokupaj kaj senzorgaj, la plej bonaj regantoj malofte donas ordonojn.
Kiam iuj aferoj estas plenumitaj,
Ĉiuj popolanoj diras: "Ni sekvas la naturan vojon."

### ĈAPITRO XVIII

(En la okulo de Laŭzi, la moraleco kaj la perfekta virto, la inteligenteco kaj la saĝeco, la fila devo kaj la gepatra amo, la lojaleco de ministroj, ĉiuj estas nenormalaj simptomoj de malsaneca socio, kaj tiaj moraloj neniam naskiĝus en racia socio. Ĉi tie kuŝas la dialektika penso de Laŭzi pri la rilatoj inter tiuj ĉi paroj da kontraŭoj: la saĝeco kaj la hipokriteco, la fila devo kaj la gepatra amo unuflanke kaj kvereloj interne de la familio aliflanke, la ĥaosa stato de la regno kaj la lojaleco de ministroj, ktp.)

Kiam la Granda Taŭo estas forlasita,
Moraleco kaj perfekta virto leviĝas.
Kiam inteligenteco kaj saĝeco aperas,
Granda hipokriteco ilin sekvas.
Kiam harmonio ne plu regas en familio,
Fila devo kaj gepatra amo sin montras.
Kiam la lando falas en ĥaoson,
Homoj servas ĝin kiel lojalaj ministroj.

**trad.** Wang Chongfang






**Kiu Estas Vi**

Li Qi

Kiu Estas Vi
kiu poŝtis la deziron sen via nom'
kiu estas vi
kies gracia skribstilo fluas kiel akv'
l' fremda urbo ne fremdiĝas plu de nun



en mia pens' vi ŝajnas ĉiam lun-simila junulin'
nur kies manoj estas molaj, suplaj ja
delikata manpar' etendas el distanta for'
kvieta kiel orkid'
kristala kiel jad'

dumvive mi neeble trovos vin
pro ti' bedaŭra kaj kontenta l' mondo sentas sin
pro ti' aperas steloj kiuj ne endormas plu

pro ti' naskiĝas la poetoj kiuj ne trankvilas plu

trad. *Hu Yi*

 




**Lun-Ascendado de Bufo**

**Qiu Chunlin**

Bufo surrampas el puto al Kosmoŝipo, kiu estas preta flugi. Kun pligrandigitaj okuloj, li mirigite demandis, "Amiko, kia aĵo vi estas? Kial mi ne vidis vin?"

"Mi estas Kosmoŝipo."

"Kosmoŝipo? Mi ne aŭdis pri vi. Ĉu vi kapablas flugi?"

"Jes."

"Kien vi flugos?"

"Al la luno. Mi tuj ekflugos!"

Aŭdinte tion, Bufo eksplodis per ridego kun pufita ventro, dirante, "Ne ŝercu! La luno estas nur tiel granda kiel telero. Kiel ĝi povas enteni tian grandegaĵon kiel vi?"

"Ne, amiko, vi eraras." Kosmoŝipo pacience klarigis, "Kvankam la volumeno de la luno estas nur kvardek-naŭono de la terglobo, ĝi tamen havas diametron de pli ol tri mil kaj kvar cent kilometroj. Pro tre malproksima distanco, meznombre je pli ol tricent okdek kvar mil kilometroj, ĝi aspektas tre malgranda."

"Vi trompas min. La luno, kiun mi vidis dumvive, estas nur tiel granda kiel telero," Bufo insistas pri sia opinio firme.

"Se vi ne kredas, ascendu la lunon kaj pririgardu kune kun mi."

"Do ni iru. Mi devas malkovri vian trompaĵon."

Tiel, Bufo estas veturigita de Kosmoŝipo al la luno. Post surteriĝo, li eĉ ne kredas siajn okulojn. Kvankam la luno estas dezerta kaj senviva mondo, ĝiaj vasta ebenaĵo kaj apikaj montoj sin montras tiel senlima kaj grandioza. Li surpriziĝas, sed kun duboj, "Kial la luno fariĝis tiom granda?"

Post momenta pripensado, Bufo, kvazaŭ malkovrante ion, nereteneble komencas blasfemi kontraŭ Kosmoŝipo, "Vi trampanto, al kia loko vi kunportis min? Ĉu ĝi estas la luno? La luno similas al brila telero. Kiu ne vidis ĝin? Vi povas trompi neniun!"

Li blasfemas kaj blasfemas kun pli kaj pli energio. Ĉu vi ne vidas la svagan ombron en la luno? Oni diras, ke ĝi estas tiu Bufo, kiu ĝis nun ankoraŭ blasfemas, saltante, kontraŭ Kosmoŝipo.



Trad**. Yi Wu**

- · - · - · - · - · - · - · - · - · - · - · - · - · -




**Sur Yueyang-Turo**

Du Fu

Jam longe aŭdis mi pri Dongting-lago,
Kaj Yueyang-turon ĉe ĝi nun ascendas.
Lagakvo landon en du partojn fendas,
Ĉiel' surflosas jen dum nokt' kaj tago.
Karuloj senmesaĝe al mi silentas
Soleca, old-malsana en boato.
Milit' reardas norde de la ŝtato,
Kaj mi kun larmoj fluaj prilamentas.

Trad. **Vejdo**



* * * * * * * * * * * * * * * * * * * *

Eldonas Redakcio de *Penseo*
Adreso: s-anino Harpina WU
Poŝtkesto 136, Jichang-xi,
Guangzhou, Ĉinio, CN-510403
E-poŝto: harpina@21cn.com
POŜT-KUPONOJ ESTAS BONVENAJ!

…………..

Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Shantou Universitato,Guangdong515063, Ĉinio
Tel: (0754) 2903012 (hejme)
E-poŝto: wyd168@21cn.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.

*************************